# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

oktobro 2002




- *7000 tagoj en Siberio* de Karlo Ŝtajner premiita per OSIEK-premio 2002
- Libera Eŭropa Universitato Akademia Kelemantia en Komarno, Slovakio
- Vojaĝraporto el Brazilo
- Kroata karavano al Gotenburgo?
- Projekto *Mezeŭropo estas mia hejmo* sukcesis
- Nova paĝo de KEL:http://free-zg.hinet.hr/esperanto/

# Karaj legantoj,

La somero de la jaro 2002 kuŝas malantaŭ ni kun multaj Esperanto-eventoj al kiuj ni reeĥas sur la sekvontaj paĝoj. Pli ol 5000 tunoj da sekaj folioj forlasas la branĉojn de la arboj en Zagrebo kaj malsupreniras al la urbaj parkoj kaj trotuaroj.

Unu jaron post la Universala Kongreso en Zagrebo, Kroatio troveblas sur la titolpaĝoj de diversaj Esperanto-gazetoj. Jen la kongresa ekskurso al la Lagoj de Plitvice reeĥas sur la titolpaĝo de *Esperantista Vegetarano* 2002.

Gejunuloj kiuj somere laboris en Esperanto-Domo de Kostrena 2002, kontribuas al tiu ĉi numero de *Tempo* per siaj artikoloj kaj fotoj kaj planas novan projekton pri Mezeŭropo en 2003, nomita Jaro de arkitektura heredaĵo.

La titolpaĝon de nia revuo ni dediĉis al la libro *Sep mil tagoj en Siberio,* kiu ricevis premion en julio 2002 dum OSIEK-Konferenco en Louven en Belgio. La libron verkitan de Karlo Štajner esperantigis Krešimir Barković kaj eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda en Parizo en la jaro 1983. Pasis jam du jardekoj kaj la libro nun ricevis rekonon pro la kvalito de la traduko. Krešimir Barković, zagrebano per sia esperantistiĝo, provizis la libron per notoj kaj mapo de la geografia spaco de Sovetunio, kie deruliĝis la jaroj de kaptiteco de la ĉefheroo. Karlo Štajner estis malliberigita en la epoko de Stalin en Moskvo kaj lia edzino Sonja atendis lin en Zagrebo ... preskaŭ same tiom longe kiom pasis de la publikigo de la libro en Esperanto ĝis ties premiiĝo. Oni atribuas la premion OSIEK nur por la nefikcia prozo. En la jaro 2001 OSIEK- konferenco gastis en Motovun kaj en 2003 la konferenco okazos en Pécs en Hungario, prizorgota de Orbis Pictus de Višnja Branković. Tiam la partoprenantoj ekskursos al la urbo Osijek por ekkoni la urbon, kies nomo similas al la nomo de la organizo ...

Komenciĝis novaj kursoj en oktobro en Rijeka (gvidas Vladimir Margan) kaj en Osijek (Hrvoje Sandukčić). Por studentoj kurson en Zagrebo gvidas Marta Kovač, por gimnazianoj Darko Blažić kaj David Rey Hudeček. En Esperanto-Klubo *Bude Borjan* kurson por komencantoj gvidas Gordana Jurina, paroligan kurson gvidas Vladimir Dujnić kaj Spomenka Štimec C-kurson per la libro de Boris Kolker *Vojaĝo en Esperanto-lando.*

Esperanto-Domo en Kostrena invitas lernantojn veni en majo 2003 por konkursi pri scio de Esperanto. La alvokon ni publikigos venontnumere.

En Osijek Davor Klobučar preparas la novan eldonon de la kroatlingva informbroŝuro *Esperanto-Mozaiko.*

Okaze de la Ago-Tago Ida Bogadi organizis en Biblioteko Držićeva ekspozicion de infanlibroj en Esperanto, kiu restas en la biblioteko dum la tuta Libromonato. Knabo Bojan Tišljar per recitado kunlaboris ĉe la malfermo de la porinfana ekspozicio la 8an de oktobro 2002.

En novembro ni en Zagrebo planas kurson de Yumeihi-terapio por terapeŭtistoj.

Registara oficejo pri asocio publikigis alvokon proponi projektojn por la jaro 2003.

Interalie KEL kandidatiĝis per okazigo de Lingva Festivalo 2003.

KEL realigis bonajn kontaktojn kun Komarno, la slovaka urbo en kiu koviĝas Libera Esperanta Universitato Akademia Kelemantia.

Esperanto etendas al ni multajn eblecojn agi. Ni profitu ilin. Helpu al ni kalkulojn de Otto Haszpra, koresponda membro de Hungara Akademio pri kostoj de lernado de la fremda lingvo. La informojn peris al ni Brusela InformCentro.

***Spomenka Štimec***





## Tempo

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994.
Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXI, numero 3/2002
ISSN 0352-1583

**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio
**tel:** (385 1) 46 17 550, **fakso:** (385 1) 46 19 373
**rete:** esperanto@zg.tel.hr
http://free-zg.hinet.hr
Tiu ĉi numero estas eldonita per helpo de Kroata Ministerio pri kulturo.
**Kontribuis:** Lucija Borčić, Višnja Branković, Renato Corsetti, Danijela Drakula, Ottó Haszpra, Davor Grgat, Faruk Islamović, Antun Kovač, Goran Lakotić, Damir Malkoč, Nikola Rašić, Josip Pleadin, Judith Stelzhammer, Andriana Škunca, Spomenka Štimec
**Tajpis:** Spomenka Štimec
**Redaktoro:** Spomenka Štimec
**Grafike aranĝis:** Josip Pleadin
**Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.hinet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR).
**Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR)
unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)

***La redakcio ne respondecas pri opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# LA KOSTO DE LA KOMUNA LINGVO

Kiom kostas al iu lando, al Eŭropo kaj poste al la mondo lerni iun komunan duan lingvon. Ja la plurcent milionoj da dolaroj pro la lingvaj servoj de la internaciaj organizaĵoj estas bagatelo, se kompari ĝin kun la lernokostoj de iu nacia lingvo, kiu kiel komuna lingvo estus deviga por ĉiuj homoj.

Averaĝkapabla homo povas alpropri̇gi averaĝe malfacilan lingvon dum ĉirkaŭ 2000 laborhoroj (unu laborjaro) por povi kontentige bone uzi ĝin en ĉiutagaj konversacioj kaj en sia fako (kio tamen ne estas gepatralingva nivelo!). Estu ĝi la angla.

Ĉiujare ĉirkaŭ 1,5% de la loĝantaro devas aperi kiel nova lingvoscianto. Ekz. en Germanio tio signifas 1,2 milionoj da civitanoj, kiuj devus lerni po 2000 horojn. Taksante la horsalajron je 5 eŭroj, unu lernanto senpage plenumas valoron de 10.000 eŭroj, dum la suma lernotempo estas 2,4 miliardoj da laborhoroj, ekvivaletno de 12 miliardoj da eŭroj po jaro.

Inter la 340 milionoj da neanglalingvuloj de la 400 milionoj da loĝantoj de la Europa Unio, ĉiujare devas aperi 5 milionoj da novaj lingvosciantoj, kio signifas 10 miliardojn da laborhoroj, t.e. 50 miliardojn da eŭroj (aŭ usonaj dolaroj) ĉiujare.

Se la tuta homaro de 6,4 miliardoj da homoj (el kiuj nur 400 milionoj, t.e. 6% estas la denaskaj anglalingvanoj) devas alpropri̇gi la anglan, 90 milionoj da novaj lingvosciantoj devas aperi sur la merkato ĉiujare, kio signifas 180 miliardojn da laborhorij, t.e. koston de 900 miliardoj da eŭroj aŭ usonaj dolaroj, sed kune kun la kostoj de la instruado kaj aliaj rilataj kostoj, ĝi atingos 1000 miliardojn po jaro.

En 1999 la 15 plej fortaj povoj kune elspezis 570 miliardojn da usonaj dolaroj por defendkostoj. La lernado de la angla bezonos preskaŭ ties duoblon.

Sed la alpropri̇go de Esperanto postulas averaĝe nur 200 laborhorojn po lernanto, do akcepti Esperanton dekonigus la tempon kaj la koston de la lernado. En Germanio ekzemple al 1000 eŭroj po lernanto, tutlande al 240 milionoj da laborhoroj po jaro, t.e. 1,2 miliardoj da eŭroj po jaro.

Elekti nacian lingvon komuna lingvo estas ne nur politika diskriminado, sed rezultigas gravan malboniĝon de la ekonomia konkurenckapablo kaj falon de la vivnivelo, dum elekto de Esperanto kaŭzas diskriminadon nek en la lingvolernado, nek en la ekonomio.

Esperanto kiel deviga komuna dua lingvo kompreneble starigas neniam obstaklon kontraŭ laŭplaĉa alpropri̇go de kiaj ajn pluaj lingvoj, eĉ la scio de Esperanto grave plifaciligas la lernadon de aliaj lingvoj.

***Ottó Haszpra***
(koresponda membro de Hungara Scienca Akademio)

***La kroata traduko de la artikolo de D-ro Ottó Haszpra aperis en "Školske novine" n-ro 33 de la 22a de oktobro 2002, tradukita de Ida Bogadi.***



# BRAZILAJ KONGRESOJ






Verŝajne ĉiu el ni havas iun landon pri kiu oni revas. Jam longan tempon mi revis pri vizito al Brazilo. Kiam mi aŭdis ke la Universala Kongreso okazos en Brazilo, mi decidis ke mia revo devas fariĝi realaĵo! Eksciinte ke ankaŭ Internacia Junulara Kongreso okazos en la sama lando, mia decido estis eĉ pli firma.

Mi eksciis pri ankoraŭ aliaj homoj el Kroatio planantaj la vojaĝon kaj aliĝis al la grupo. La planado de la vojaĝo daŭris kelkajn monatojn. Ni devis akiri la vizojn, plani la vizitotajn lokojn, rezervi tranoktejojn kaj ankaŭ aĉeti flugbiletojn al Brazilo kaj ene de Brazilo. Krome oni devis zorgi pri la vakcinoj.

Ni flugis de Zagrebo al Parizo kaj de tie al Rio-de-Janejro. Kvankam pro malfruo de aviadilo ni venis al la hostelo malfrue kaj kvankam ni estis lacaj de la longa vojaĝo, ni tuj post akceptiĝo iris al apuda restoracio. Mi jam

*Daŭrigo sur la paĝo 4* ▶

hejme informiĝis pri la brazilaj specialaĵoj kaj mi tuj sciis kion mendi: ĉuraskon, rostitan viandaĵon.

La morgaŭan tagon ni jam flugis al Foz do Iguacu. La famaj akvofaloj pri kiuj mi multe legis kaj kies fotojn mi vidis interrete estis nia celo. La unuan tagon ni vizitis la brazilan flankon kaj mia fotilo multe laboris. Ni tranoktis en tre ĉarma eksterurba hostelo kun tre bela ĝardeno. Venonttage ni vizitis la argentinan flankon, pli grandan kaj pli imponan. Tie ni ekskursis tuttage. Tiun belegaĵon, bedaŭrinde, estas malfacile priskribi per vortoj. Tion oni devas sperti perokule kaj perorele. Ni vojaĝis per ŝipeto kiu portis nin preskaŭ sub akvofalo tiel ke ni estis tute malsekaj! Fine ni vidis tielnomatan "Diablan gorĝon", grandan kaj fortan akvofalon, kie akvo de tri flankoj falas malsupren kun granda bruo!

De Foz ni vojaĝis buse al Pato Branco, la IJK-urbo. Ni venis iom malfrue, ne komence de la aranĝo. Varma akcepto atendis nin. Ĉirkaŭbrakoj kaj kisoj kvazaŭ ni konas unuj la aliajn jam multajn jarojn. Estas multaj esperantistoj en Brazilo kaj ili malofte havas ŝancon renkonti eksterlandanojn. Por multaj el ili eĉ tiuj kongresoj en Brazilo estis multekostaj (vojaĝo, kotizo). Tial la kongresoj estis granda evento por ili. Ni loĝis en multlitaj ĉambroj. El programo ni certe memoros la spektaklan malfermon de Nova espero kun prezentaĵoj, piroteknikaĵoj kaj inaŭguro de la memortabulo omaĝe al Zamenhof. Ankaŭ menciindas la teatraĵo "La domo kiu timigis" de la loka grupo.

Nia sekva celo estis Curitiba, interesa urbo kun multaj verdaĵoj. Iam mi aŭdis ke la urbo estas rekomendita fare de Unuiĝintaj Nacioj al evolulandoj kiel modelo por konstrui grandajn urbojn kiuj tamen estas agrablaj por homa vivo. Ni vojaĝis al Paranaguá per turisma trajno, vizitante survoje ankaŭ urbeton Morretes. Sur la ĉefa placo en Paranaguá ni aŭdis muzikon. Ni ne povis kredi al niaj oreloj - aŭdiĝis la kanto "I ljuljaju se kreveti" de la kroatia grupo Colonia. Tre amuze! Tiom da kilometroj de hejmo ni aŭdis la kroatan lingvon!

Post Curitibá, ni vizitis Brazilion, la ĉefurbon. La urbo estas konstruita en sesdekaj jaroj de la pasinta jarcento. Modernaj konstruaĵoj karakterizas la urbon. La urbo aspektas tute nekutime kaj estas malfacile orientiĝi (la lokuloj asertas ke estas tute male, ke oni povas facile orientiĝi!). Mi profitis la proksimecon de la sidejo de Esperanto-Asocio de Brasilia por viziti ĝin. Akceptis min la prezidanto de la asocio kiu estis preparanta sin por vojaĝi al UK en Fortalezo.

La sekva celo estis Manaus en Amazonio. La unuan tagon ni trarigardis la urbon, por ni sufiĉe ekzotikan. Ni vizitis, interalie, la teatron kaj la zoologian ĝardenon. Ni vespermanĝis en la tipa brazila restoracio kiun oni nomas "ĉuraskaria", kaj tie manĝis, kompreneble ĉuraskon. En tiuspecaj restoracioj oni pagas fiksan sumon kaj manĝas kiom oni povas. Vizito al la ĝangalo estis, kompreneble, neforgesebla travivaĵo. Ni pasigis tri tagojn kaj du noktojn sur ŝipo en la ĝangalo. Tie ni vidis multajn bestojn kaj plantojn. Inter ili estas pluraj kies nomon ni ne scias. Ni vidis ankaŭ homojn kiuj tie loĝas. Ni naĝis en la rivero kaj poste fiŝkaptis piranjojn en la sama rivero! Ankaŭ ŝtormon kun pluvo sur la ŝipo ni travivis.

De Manaus ni ĉiuj flugis per la sama aviadilo, sed ne samloke eliris el la aviadilo. Dum la aliaj flugis al Salvador kaj post du tagoj al Rio, mi decidis resti la tutan semajnon en UK, en Fortalezo. Jam en la aviadilo mi renkontis esperantistojn, junan paron el Brazilo. Ili helpis al mi en la urbo interkompreniĝi kun taksiistoj kaj mi venis al la hostelo. En la kongreso estis multe da homoj, verŝajne multe pli ol tion montros la statistiko, ĉar oni ne kontrolis la kongresajn ŝildojn kaj tio estis bona decido. Verŝajne multaj brazilanoj partoprenis la kongreson ne aliĝinte ĉar por ili la kotizo estis tro alta. Estus domaĝe fermi la pordon al multaj homoj kiuj ege ĝojis havi maloftan ŝancon renkonti eksterlandanojn. Por ili la kongreso estis granda evento. El la programo aparte menciindas la nacia vespero kiu vere ravis la spektantaron. Belegaj kostumoj kaj la brazila muziko certe restos en la memoro de la partoprenantoj. Ankaŭ la ekskursa tago donis multe da ĝuo al ni. Mi elektis la ekskurson al Morro Branco. La veturado laŭ la plaĝoj en t.n. buggy-veturiloj estis tre amuza kaj multaj ankaŭ ĝuis glitadon malsupren laŭ la dunoj. Dum ni kuŝis sur la plaĝo, surprizis nin sinjorino Barbara Pietrzak, la redaktorino de Esperanto-redakcio de Radio Polonia kaj faris intervjuon kun kelkaj el ni. La solenan fermon mi, bedaŭrinde, ne ĉeestis ĉar mi devis flugi al Rio.

En Rio mi havis malmulte da tempo antaŭ forflugo hejmen (unu postagmezon). Mi vizitis Sukerpanon, konatan monton en Rio de kie estas videbla la tuta urbo, urbaj plaĝoj (Copacabana, Ipanema). La monumenton de Kristo mi, pro manko de tempo, bedaŭrinde, vidis nur de malproksime.

Mi forflugis al Eŭropo, sed la memoroj pri Brazilo, pri la bela lando kun afablaj homoj, estas ankoraŭ freŝaj. Iam mi devos reviziti ĝin!

***Damir Malkoč***

**Prezidantaro de Kroata Esperanto-Ligo por sia novembra kunsido havos en la tagordo interalie decidon pri aliĝo de KEL al fondantoj de Libera Eŭropa Universitato en Komarno. Tiusence KEL planas krei apartan Fondaĵon por kolekto de financaj rimedoj favore al fondiĝo de Libera Eŭropa Universitato. La planata fondomono per kiu KEL partoprenas estas 5000 eŭroj. Tiusence KEL ekserĉis inter sponsoroj por trovi la rimedojn. La unua kiu favore respondis kaj subtenas la engaĝiĝon de Kroata Esperanto-Ligo por fondiĝo de Libera Eŭropa Universitato en Komarno estas HAK, Kroata Aŭtoklubo. HAK aprobis al KEL subvencion de 3500 kn favore al la projekto pri Libera Eŭropa Universitato. Elkoran dankon al la unua sponsoro kies simbolon ni aldone publikigas.**

HAK

# LIBERA EŬROPA UNIVERSITATO KOMARNO, SLOVAKIO

En la antikva urbo Komarno, situanta en la centra Eŭropo inter Slovakio kaj Hungario, la 6an de septembro okazis malfermo de la neŝtata Libera Eŭropa Universitato "Akademia Kelemantia" (UNI-KEL).

Unu el la plej gravaj kialoj (legeble ankaŭ en la julia numero de "Tempo" sur la paĝo 12) kial Akademio Internacia San Marino (pri AIS vidu: http://www.forst.tu-muenchen.de/EXT/AIS/) deziris fondi ĝin, estas la posedo de la nemoveblaĵo, nome - universitata konstruaĵo, sen kio diplomoj de la universitato ne povos esti adoptitaj en Germanio. La urbo estas interesa kaj vidinda (http://www.komarno.sk). Diplomo de Libera Eŭrop Universitato havos egalan traktadon. AIS, kies unu el laborlingvoj (per kiu eblas prelegi kaj studi akirante diversajn sciencajn gradojn: Bac, Mag, Dr, Dr. habil) estas ILo (la Internacia Lingvo de D-ro Esperanto) klopodas al ĉiam pli vasta internacieco kaj tial normale evoluas en kaj tra siaj filioj. Jam ekzistantaj, krom en San Marino, estas tiuj en Bulgario, Koreujo, Meksikio, Rumanio, Rusio, Slovakio. Studadsesioj de AIS okazis krome en Pollando, Ĉeĥio, Italio *.

UNI-KEL *strebas al internacia multkultura klerigado kaj transkultura dialogo*. Situante en la slovaka urbo kun la hungara 80% minoritato, ĉe la landlimo kun Hungario, UNI-KEL havas inter siaj celoj subteni evoluon de minoritataj kulturoj kaj lingvoj de Slovakio. Unu el ĝiaj fakultatoj estos pri minoritataj kulturoj kiu interalie havos Katedrojn de Eŭrologio, manaĝerado, psikologio, kultura-societa monitorado; instruadon pri kultura antropologio, ekologion. Ĝi povos aparteni kaj al Kelementia kaj al ŝtataj universitatoj, dependante de la klerigaj bezonoj.

Krome, ekzistos Fakultato de interdisciplinaj studoj (forte reprezentanta komunikadkibernetikon, esplorante universitatan pedagogion kaj reviziante pedagogian sciencon) kiuj funkcios laŭ la nuna sciencostrukturo de AIS.

Kaj la tria estos Fakultato pri interlingvistiko (konsistos el: interlingvistiko kun esploro de planlingvoj, scienca traduka agado, slavaj lingvoj, neslavaj lingvoj, aplika lingvistiko, religio.politologio).

UNI-KEL komence funkcios kiel ekstera klerigejo (elektronike) kaj poste normale (ĉeeste), kvankam ekstera maniero subkomprenas almenaŭ unufoje jare plensemajnan ĉeestan kurson. La oficialaj lingvoj estas ILo, la germana, la slovaka kaj la hungara. Laŭ la bezono oni uzos aliajn laborlingvojn: anglan, francan kaj italan. Instruotaj ĉe Akademia Kelemantia nepre devas havi diplomon pri abiturîgo. Kiel privata universitato, UNI-KEL estos pagata. La instruontoj ricevos honorarion kiel ŝtataj slovakaj universitataj profesoroj. Pri detalaj informoj pri instruado bv. informiĝi ĉe prof. Eva Polaková (rete: epolakova@ukf.sk - letere: Potravinarska 19, 94901 Nitra, Slovakio - poŝtelefone: 0904/595 015 - fakse: +421 37 6511 013).

En Komarno ankaŭ gastis kvinopa kroata delegacio (V. Morankić, B. di Costanzo, S. Štimec, V. Branković, D. Drakula) kiu ŝatis pli konkrete informiĝi pri organizo de nova universitato kaj ĝia estonta laboro. Dum la solena malfermo sinjoro Morankić parolis pri la graveco de eŭropa identeco, kiel *senti sin hejme en Eŭropo*. Nome de KEL (Kroata Esperanto-Ligo) li promesis promovigon de UNI-KEL inter kroataj esperantistoj rilate al la studado (studi en Esperanto akirante estonte internacie valorajn diplomojn kaj sciencajn titolojn), instruado, kaj provon akiri materialan subtenon por la Universitato.

Krom Kroatio, kunlaboron ofertis Rusio, Bjelorusio, slovaka AIS, kaj ĝin subskribis: Universitato Hagen, AIS-Sibio (Rumanio), pola AIS, du hungaraj universitatoj el Budapeŝto.

Tamen, kiel ĉiu komenco, ankaŭ tiu ĉi de UNI-KEL havas siajn naskdolorojn. Ĝi ankoraŭ atendas plenan rekonon de la slovaka ŝtato, kiu estas nur tempa demando; kaj poste, kun la eniro de Slovakio en Eŭropan Union, venos rekono de ĝi. Al tiu punkto rilatas adoptoj de UNI-KEL-aj diplomoj kaj ĝiaj allogoj por instruotoj, sed ankaŭ instruontoj (studentoj kaj profesoroj). Kaj inverse, pli baldaŭa eklaboro kun pli granda nombro de studentoj tutcerte malkreskigos burokrataĵojn, kaj konvinkus subtenantojn pri la graveco de klerigaj agadoj ĉe Akademia Kelemantia. Ĉar la urbo mem kaj ĝia situo, kostoj de vivo, priinteresitaj studentoj, planitaj programoj kiujn gvidos elstaraj profesoroj el la tuta mondo sub la rektorado de la Nobelpremiito Reinhard Selten, estas la vera potenco de tiu ĉi projekto.

***Danijela Drakula***

* Neapartenanta al AIS, sed same interesa por studi en Esperanto estas 3-jara postdiploma studado pri interlingvistiko en Poznań, Pollando, kiun gvidas d-ino Ilona Koutny (http://infoweb.magi.com/~mfettes/fakoj.html).


Goran Lakotić


Darko Blažić kaj David Rey-Hudeček

# MEZEŬROPO ESTAS MIA HEJMO

Projekto por mezlernejanoj MEZEŬROPO ESTAS MIA HEJMO venigis al Esperanto-Domo apud Rijeka 17 lernantojn kaj gvidantojn el Aŭstrio, Germanio - Bavario, Ĉeĥio, Kroatio kaj Pollando en la periodo inter la 31a de aŭgusto kaj la 8a de septembro. Lernantoj komparis siajn lernolibrojn pri historio, samkiel kutimojn de Mezeŭropo, analizante komunajn kaj malsamajn trajtojn de siaj landoj, ankaŭ en la kampo de manĝkutimoj kaj dialektaj esprimoj de vorttrezoro. Ili konatiĝis kun verko "Tena - hejmo en Mezeŭropo" de S. Štimec.

Okazis ankaŭ enkondukoj kursoj pri la ĉeĥa, leciono pri komparado de aŭstra kaj germana versioj de la germana lingvo. Polajn aŭtorojn en Esperanto prezentis Adam Tylicki.

Ekskursoj gvidis al Rijeka, Trsat kaj Opatija. La gejunuloj ŝatis la restadon en la Esperanto-Domo en Kostrena kaj volonte en pli vasta gamo renkontiĝus en la sama tempo komence de septembro en 2003.

La ĉi-jaran laborrenkontiĝon de gejunuloj el Mezeŭropo financis Ministerio pri Eŭropaj Integriĝoj de Kroatio kaj Departamento de Rijeka.

***Goran Lakotić***


Partoprenantoj de la aranĝo "Mezeuropo estas mia hejmo"

# KROATA KARAVANO AL GOTENBURGO

Kiel multaj jam scias, la venonta Universala Kongreso de Esperanto okazos en skandinavia lando Svedio. La kongresurbo estos laŭ la grandeco la dua urbo en Svedio - Gotenburgo. Ĝi estas havenurbo kiun plenigas ĉarma estoso kaj multaj kuturaj eventoj. Tre interesa centro de la urbo, marista muzeo kaj amuzparko Liseberg, estas nur kelkaj vidindaĵoj. La Kongreso okazos de la 26a de julio ĝis 2a de aŭgusto 2003 . *Svenska massan* (Sveda foiro) kun siaj komfortaj haloj estos la kongresejo.



Kompare kun Brazilo ĉi kongreso okazas tre proksime. Pro tio ni provos organizi karavanon. Ĉi-momente estas serĉataj kunlaborantoj kiuj pretas helpi organizi la vojaĝon, loĝadon kaj ekskursojn. La karavano estos organizita senprofite. En la prezo estos enkalkulitaj nur kostoj por organizantoj. La celo estas kiel eble plej multajn kroatajn esperantistojn instigi vizitu ĉi tiun kongreson kontraŭ kiel eble plej malmulte da mono.

Ĉi-momente David Rey organizas la vojaĝon kaj Faruk Islamović esploras kie loĝi en Gotenburgo. Kunlaborantoj bonvenaj. Listo de interesitoj formiĝas sur la anonctabulo en la zagreba Esperanto-sidejo en Amruševa 5.

*Faruk Islamović*




- **Se vi aliĝas pere de la ĉefdelegito, NEPRE al li sendu kaj la aliĝilon kaj la pagon.**
- **Se vi planas kongresi, la pagoj en la unua aliĝperiodo akcepteblas ĝis la 31-a de decembro 2002.**

| **KONGRESKOTIZOJ POR KROATOJ** en kunaoj (se oni pagas al la ĉefdelegito) / Aliĝkategorio | 1-a periodo ĝis 02 12 31 | 2-a periodo ĝis 03 03 31 | 3-a periodo ekde 03 04 01 |
|---|---|---|---|
| Individua membro de UEA (ne inkluzivas MG) | 874 | 1.064 | 1.292 |
| Neindividua membro de UEA | 1.064 | 1.330 | 1596 |
| Komitatano/kunulo/junulo/handikapulo mem individua membro de UEA | 456 | 532 | 646 |
| Komitatano/kunulo/junulo/handikapulo ne individua membro de UEA | 646 | 798 | 988 |

# KARAVANOJ DE ORBIS PICTUS

Orbis Pictus organizos karavanojn al Litovio 2005, al Pekino 2004 kaj al Gotenburgo 2003.

Se vi havas specialajn dezirojn flugi al Gotenburgo, bonvolu kontakti: **Orbis Pictus de Višnja Branković**
**Via Parini 5**
**IT - 34 129 Trieste**
**Tel/fax + 39/040 767 875**
**orbispictus@iol.it**
**http://users.libero.it/orbispictus**

## SPEZOKONTO DE LA 86a UK EN ZAGREBO - POZITIVA

Oficistoj de la Centra Oficejo en Roterdamo finpretigis spezokonton de la 86a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo. Ĝi estas pozitiva: la partneroj kiuj konstruis la Kongreson, Co de UEA kaj Kroata Esperanto-Ligo finance profitis de la kongreso. Tio ŝuldiĝas interalie al la granda subteno de pluraj kroataj instancoj kaj tute aparte Ministerio pri Kulturo. La spezkonto nun troviĝas en la proceduro: la estraro de UEA devas ĝin analizi kaj aprobi. La spezkonton devas krome analizi la reviziantو. Post la kontrolo fare de tiu lasta instanco eblos diskonigi la rezultojn.

*S. Štimec*

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO: ĈU ĜI MERITAS VIAN ATENTON?

Universala Esperanto-Asocio (mallonge: UEA) estas supera monda organizaĵo de esperantistoj, fondita en 1908. Kiu ajn fariĝas serioza esperantisto, post iom da tempo, estante membro de loka societo aŭ landa asocio, ekpensas ankaŭ pri individua membriĝo en UEA. Sed ne ĉiuj faras tion! Ekzistas multaj obstakloj: oni ne scias kiel membriĝi, al kiu pagi kotizon, kiom kostas la kotizo, en kiu valuto oni pagas, iam la kotizoj superas financajn eblecojn de la kandidato. Sed, malgraŭ ĉio, la monda organizaĵo de esperantistoj ekzistas, progresas, kreskas ... kaj antaŭ ĉio - plenumas multajn servojn por esperantistoj tra la tuta mondo.

Ĉu vi povus imagi la mondon sen UEA? Malaperus tiam centro al kiu alfluas informoj pri Esperanto kaj esperantistoj en la tuta mondo, malaperus la plej granda libroservo, kie oni povas aĉeti ĉion kio aperas en Esperanto en kiu ajn mondoparto, malaperus la Delegita Reto kiu ebligas kaj faciligas kontaktojn inter ni ... Malaperus multaj aliaj aferoj, pri kiuj, dum ili ekzistas, ni tute ne konscias kaj ne rimarkas ilin.

Kaj UEA ekzistos nur se ni, esperantistoj, subtenos ĝin. Subteni ne signifas donaci monon por ĝia funkciado, sed pagi ian servon: fariĝi membro, fariĝi abonanto de la revuo "Esperanto", partopreni Universalajn Kongresojn, aĉetadi eldonaĵojn de UEA ktp.

En la tempo de monda globaliĝo, vivnivelo kaj pagopovo de eŭropanoj atingis ian akcepteblan ekvilibron. Kaj kvankam en Kroatio regas ekonomiaj malfacilaĵoj, ĉu ne ni pensu pri multnombra aliĝo al UEA? Ĉu ni, kiel malgranda nacio tamen ne meritas pli altan pozicion en la Esperanto-Movado? Ĉu vi mem ne sentas emociojn pro la bone organizita 86-a UK en Zagrebo, kiu preskaŭ certe neniam plu okazos dum niaj vivoj en nia lando? Ĉu tiuj emocioj ne portas vian penson al UEA kaj ne tentas vin fariĝi ĝia membro, senkonsidere en kiu kategorio, ekde 4 ĝis 25 eŭroj, aŭ eĉ fariĝi malofta kroato en kategorio Dumviva Membro? Kroatio, malgraŭ siaj ekonomiaj problemoj apartenas al tiuj landoj, kiuj ja ne havas vivnivelon kiu ne permesus elspezi 4 - 25 eŭroj por la kotizo. Via decido tamen dependos de tio, ĉu vi kredas ke UEA meritas vian atenton. Pripensu bone! Se vi estas serioza esperantisto, vi certe trovos ĝustan respondon! Kaj tiam, kontaktu vian Ĉefdelegiton, elektu kategorion kaj fariĝu unu el multaj tra la mondo, kiuj elektis Esperanton kiel propran komunumon, kiel propran lingvon kaj UEA kiel sian superan organizaĵon.

## MEMBROJ KAJ DELEGITOJ

Dum mi verkas ĉi tiun artikolon, antaŭ mi troviĝas plena listo de ĉiuj kroatoj kiuj estis aŭ estas membroj de UEA, ĝiaj delegitoj, aliĝintoj al la UK-oj ktp. Kaj mi ne povas esti kontenta, ĉar mi scias - ni povis doni multe pli.

La membreco varias laŭ kategorioj kaj laŭ la jaroj, malmultaj regule pagas la kotizon. Mi volus, kune kun vi ĉiuj, ŝanĝi tiun situacion, fari reton de tiuj kiuj decidiĝos resti fidelaj membroj dum multaj jaroj, precipe en kategorio Membro Abonanto, kaj tiam oni ricevas proporcie multe pli. Kaj tio "multe pli" rilatas unuavice al flegado de konstanta sento ke vi apartenas al organizaĵo, kunvivas kun ĝi, konas ĝiajn celojn, sed ankaŭ ĝiajn problemojn, ne forlasas ĝin eĉ en la krizaj momentoj ... Unuvorte, vi kredas je Esperanto, vi kredas ke vi elektis la ĝustan vojon. Se oni ŝancelas, konstante ŝanĝas la opinion, aŭ nur kalkulas de tempo al tempo, jes, persone oni gajnas aŭ almenaŭ ne malŝparas, sed ĝenerale en la Movado la situacio varias kaj ne montras stabilajn direktojn.

Miaj rimarkoj pri la Delegita Reto ankaŭ estas nekontentigaj. Kroatio estas malgranda lando, tio veras, sed ekde ĉiam Esperanto en ĝi havis adeptojn kiuj fariĝis kolonoj de la Movado. Rememoru pri Lapenna, Rotkvić kaj aliaj el la plejado antaŭ kaj senpere post la dua mondmilito. La Delegita Reto en Kroatio tamen dum jaroj restas malampleksa rondo. Kiel pliampleksigi ĝin? Memoru, ke ĉiu kiu havas dujaran membrecon en UEA, rajtas fariĝi delegito, fakdelegito aŭ junulara delegito. Mi forte instigas vin aliĝi, pliampleksigi la reton kaj plijunigi ĝin. Ekzistas multaj novaj kaj junaj vizaĝoj inter kroataj esperantistoj, kiuj meritus fariĝi delegitoj.

Kaj kion faras la delegitoj? UEA mem difinas kio estas la delegito? **"Delegito" ne estas honora titolo de maljuna, meritplena esperantisto ne plu tre agokapabla. La Delegito estu plenaĝa persono, t.e. minimume 18-jara (Junulara Delegito estu minimume 16-jara, maksimume 30-jara), daŭre loĝanta en la sama regiono, konscia pri la grava, plurflanka rolo, kiun povas ludi la vasta reto de Delegitoj tra la mondo. Li estu aktivulo de la movado, laŭeble iniciatema homo kun iom da realigeblaj ideoj.** Delegito ***reprezentas, varbas kaj servas!*** Pri tiu temo eble necesus informi pli detale en la societaj kunvenoj kaj eĉ sur la paĝoj de "Tempo", kvankam jam la supra difino multon diras. Pripensu, ĉu vi mem ne estas kapabla fariĝi delegito en iu urbo, fakdelegito pri iu speciala fako aŭ junulara delegito, se vi estas malpli ol 30 jara?

**Pri ĉiuj demandoj kontaktu la Ĉefdelegiton de UEA en Kroatio:**

**JOSIP PLEADIN, Grkinska 1, 48350 Đurđevac**
**Tel. 048/811-266 (oficejo), 048/812-799 (loĝejo), 098/248-574 (poŝtelefono)**
**Fakso: 048/811-266, Rete: grafokom@kc.hinet.hr**

# KOTIZTABELO DE UEA POR 2003 (por kroatoj)

## MA Membro-Abonanto

- ricevas oficialan monatan revuon de UEA "Esperanto"
- ricevas JARLIBRON en kiu troviĝas la plej aktualaj faktoj kaj informoj pri la Esperanto-Movado, ĝiaj organizaĵoj kaj asocioj en la tuta mondo kaj ampleksa adresaro de la Delegita reto
- rajtas uzi servojn de pli ol 1900 membroj de la unika Delegita reto en ĉirkaŭ 90 landoj, kaj post du-jara membreco rajtas kandidatiĝi por fariĝi delegito
- rajtas je pli favora kotizo aliĝi al Universalaj Kongresoj (2003 en Gotenburgo, Svedio, 2004 en Pekino, Ĉinio ...)
- aparte favorpreze povas aĉeti Esperanto-librojn, KD-ojn kaj aliajn artiklojn el la plej riĉa Esperanto-libroservo
- ... kaj vi certe trovos ankaŭ aliajn eblecojn ...

**190 kn**

## MJ Membro kun Jarlibro

- same kiel en la kategorio MA, sed sen abono al revuo "Esperanto"

**76 kn**

## MG Membro kun Gvidlibro

- ricevas nur "Gvidlibron tra la Esperanto-movado" (mallongigitan formon de la "Jarlibro"), sen aliaj avantaĝoj

**31 kn**

## (T) Junularo 0-30 jara

### TEJO

Tutmonda Esperantista Junulara Organizo

- ĉiu membro de UEA malpli ol 30-jara, estas membro de TEJO kaj krom ĉio alia en kategorioj MA aŭ MJ ricevas ankaŭ la revuon "Kontakto" kaj ĝuas aliajn avantaĝojn kiujn ofertas la junulara organizaĵo TEJO.

## DM Dumviva Membro

**DM(-T)** - Dumviva Membro pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MA, ricevas Jarlibron, la revuon "Esperanto" kaj ĝis inkluzive 29 jaroj, la revuon "Kontakto" kaj "TEJO-tutmonde".

**4750 kn**

**DMJ(-T)** - Dumviva Membro kun Jarlibro pagas por la tuta vivo 25-oblon de la kotizo MJ, ricevas Jarlibron, kaj ĝis inkluzive 29 jaroj, la revuon "Kontakto" kaj "TEJO-tutmonde".

**1900 kn**

## SA Simpla Abono

- simpla abono al la revuo "Esperanto" sen membreco en UEA

**114 kn**

## Kto Abono al "Kontakto"

- abono al la revuo "Kontakto" sen membreco en UEA aŭ TEJO

**69 kn**

## SZ Societo Zamenhof

- kotizo por Societo Zamenhof: mecenata kategorio (aldoniĝas al alia kotizo; ne inkluzivas membrecon en UEA

**380 kn**

## PT Patrono de TEJO

- pagas 3-oble la kotizon de MJ(-T) por subteni TEJO; ne inkluzivas membrecon; ricevas la revuon "Kontakto" kaj aliajn eldonaĵojn de TEJO

**228 kn**

**Ĉiuj kotizoj, inkluzive de tiuj por aliĝi al la 88-a UK en Gotenburgo, Svedio (vidu la kotiztabelon sur la paĝo 7), kaj libromendoj, estas pageblaj en kunaoj al la Ĉefdelegito de UEA (adreso sur la paĝo 8, malsupre).**

# KROATAJ PUNTOJ - TURISMA ALLOGAĴO

En 1691 oficialaj partoprenantoj de la Universala Kongreso en Zagrebo, pluraj ekŝatis Kroation kaj planas reveni por koni pli bone la landon kaj ties kulturon. Inter ili estas la geedzoj Gaume el Francio. Ili speciale interesiĝas pri la arto de puntofarado kaj tiusence ili esploris kroatajn puntaojn ĉe la marbordo.

Ili gastis en Matulji ĉe la kongresamiko Emil Hrvatin kaj poste daŭrigis suden, kie gastitis ilin Davor Grgat. Jen resumo pri la sperto.

La gastoj el Francio eksciis ke la plej bonaj puntofarejoj troviĝas en la urbo Hvar kaj sur la insulo Pag. Pro tio ili planis unue viziti tion, kaj poste trarigardi kultur.historiajn kaj turismajn vidindaĵojn en Dalmatio.

Ni voja‹ĝis al Omiš. Ili estas kontentaj rigardante Dugi Rat kaj Omiš, dum kiu vizito ili konatiĝis kun la historio de fama Respubliko Poljica. Vizitante la lokan preĝejon, en Mali rat, ili konkludis ke la maro estas tre pura, kaj pro tio ke ili rekomendos al francaj esperantistoj viziti ĉi parton de la lando.

Ŝipe ni alvenis en Hvar, kaj tuj piediris ĉe la Benedikta muzeo, kiu en tiu tempo estis fermita. Je la speciala sonorilo ni donis signon, kiel matene ni interkonsentis, afabla deĵorantino malfermis,



Punto de Lepoglava



*Francaj geedzoj Gaume kun sia gastiganto Grgat (la unua maldekstre) dum sia vizito al Kroatio (foto: "Slobodna Dalmacija")*

ni trarigardis la ekspozicion, kaj s-ino Marie-France aĉetis 4 pecojn de la hvaraj puntoj por sia kolegino. Post mallonga rigardo de la urbo, kiu estas konata kiel turisma loko, ni buse ekveturis al Starigrad, de kie per ŝipo ni ekvojaĝis al Split. En Split ni trarigardis la plej elstarajn kulturhistoriajn vidindaĵojn kiel Dioklecianan placon, malnovan urboparton kaj la apudmaran parton de la haveno.

Ni vizitis redaktejon de "Slobodna Dalmacija" kie mi ebligis ke unu fotisto de tiea redaktejo fotu ilin, kaj mi faris intervjuon, kiu aperis post du tagoj. En la intervjuo ili interalie diris ke en Split ili ne sentis kiel eksterlandanoj, ĉar dum la tuta vojo ili tre bone kompreniĝis kun sia ĉiĉerono. Krom tio, lia lerteco helpis solvi multajn dumvojaĝajn problemojn kaj eniri lokojn kiuj por aliaj preterpasantoj estis ŝlositaj.

***Davor Grgat***

# ISTRIO EN PALMA DE MALLORCA

Post la printempa gastado en la brita kongreso, nia specifa duoninsulo Istrio estos prezentita al la katalunaj esperantistoj kaj iliaj gastoj, dum la 31a Kataluna kaj la 4a Transpirinea kongresoj de Esperanto kiuj okazos de la 1a ĝis la 3-a de novembro en urbeto Soller en la rava mediteranea insulo. Nome, inter la kongresaj gastoj troviĝas ankaŭ Višnja Branković kiu, kadre de la kongresa temo "La malgranda estas bela" prelegos pri "Hum - la plej malgranda urbeto en la mondo", prezentante ankaŭ aliajn istriajn mezepokajn urbetojn kaj Istrion kiel "etan kontinenton".

Al la kongreso la eksterlandanoj povas aliĝi senkoste kaj al ĉiuj kongresanoj, krom la loĝado en la hoteloj, la organizantoj ofertas ankaŭ senpagan simplan tranoktebelcon en la kongreseja amasloĝejo.

***Višnja Branković***

# JAPANA PRINCINO EN KROATIO


Foto: Mladen Pobi (JL)

Ŝia Imperiestra Moŝto Princino Sayako vizitis Kroation . La princino el la plej malnova reĝa familio en la mondo ĝuis en Kroatio grandparte kulturan kaj turisman restadon, kiu enkadrigis interalie ankaŭ viziton al unu Neregistara Organizo: ŝi vizitis la ekzercejon de Asocio de hundoj-gvidantoj, kiuj servas por faciligi la vivon de blinduloj. (Ni prunteprenas la foton pri la vizito el la revuo ***Globus***.)

Okaze de sia restado, la japana princino, granda ŝatanto de muziko, vizitis operon. Aldone koncertis por ŝi kaj ŝia akompanantaro la 16an de oktobro 2002 fama kroata pianisto Ivo Pogorelić. Post la koncerto ŝi renkontiĝis kun kvardeko da homoj el la kultura kaj scienca vivo kaj informiĝis pri diversaj aspektoj de la kunlaboro kun Japanio. Spomenka Štimec, unu el la gastoj ĉe la koncerto, havis la okazon kelkvorte informi la princinon pri Esperanto per kiu ŝi kunlaboras kun Japanio. Al ĉefakompanantino de la princino estis enmanigita la japana traduko de novelo "La lasta batalo de la moretto" verkita por IJK en Rijeka kaj tradukita en la japanan de Mori Singo.

## Nova ttt-paĝo de KEL: http://free-zg.tel.hr

Ozren Ćuk estas studento pri juro en Jura Fakultato de Zagreb kiu transprenis la taskon prizorgi la ttt-paĝon de KEL. Bonvolu viziti la paĝon kaj helpi per viaj informoj ke ĝi estu aktuala. La novaĵojn vi povas sendi al **ozren.cuk@zg.hinet.hr.**

KEL nun klopodas akiri la domajnon *esperanto.hr* por sia estonta paĝadreso kaj dankas tiusence pro helpo al Olga Štajdohar-Pađen kaj Davor Klobučar. Ni esperas baldaŭ havi respondon de la koncerna instanco.



***Ozren Ćuk, prizorganto de la TTT-paĝo de KEL*** ▸

# BOLOGNA FESTIS



*Esperantistoj de Bologna kun gastoj en sia klubejo.*

Kiam ĝemeliĝis la Esperantaj kluboj de Zagrebo kaj Bologno? Bologna estis la unua ĝemelurbo de Zagrebo, de la jaro 1963. Sekvis poste pliaj dek naŭ urboj, kiuj kun Zagrebo aparte amikiĝis! La 90an jubileon de Esperanto la urbo festis en septembro 2002. La ĉeforganizanto de la jubileo estas la klubo "Achille Tellini 1912".

En la multjardeka tradicio de la klubo elstaris la jaro 1955, kiam Bologna gastigis Universalan Kongreson de Esperanto.

Okaze de la jubileo prof. Giordano Formizzi prelegis pri "Eŭropa mono kaj eŭropa lingvo" en la Universitato de Bologna, kiu estas la plej malnova eŭropa universitato, datanta el la 12a jarcento. La profesoroj de la Universitato de Bologna fondis Universitaton de Parizo.

Spomenka Štimec de la ĝemela urbo prelegis pri la internacia literaturo en Esperanto en la prestiĝa salono de Departamento de Bologna en Via Zamboni 23. Tie kolektiĝis gastoj el multaj italaj urboj por celebri la jubileon.

Pro sia malnova universitato Bologna estas nomata "Bologna klera". Ĝia kromnomo estas "Bologna grasa", kiu aludas ke Bologna estas unu el tiuj famaj lokoj en Italio, kie la kulto de manĝado estas speciala estimata, en la lando kie "la manĝado rilatas al kombino de teatro kaj religio".

Zagrebo festos sian 95an jubileon en la jaro 2003.

***S. Štimec***

## EŬROPA LINGVOTAGO

Eŭropa Lingvotago estas festata en Eŭropo la 26an de septembro. Zagrebo festis la tagon per lanĉo de *"Biografia leksikono de kroatiaj esperantistoj"* en Esperanto-Societo *Bude Borjan*. Prestiĝa televida programo *Meridijan 16* vizitis nin okaze de la librolanĉo kaj elsendis la informon ke rajto je la lingvo apartenas al la bazaj homaj rajtoj. Spomenka Štimec kaj Josip Pleadin estis mallonge intervjuitaj.



## SESA KONGRESO DE KROATAJ ESPERANTISTOJ - ZAGREBO, 2003

**Sesa kongreso de kroataj esperantistoj okazos en Zagrebo la 31an de majo 2003.**

**Dum la festo oni celebros 95 jaran jubileon de Esperanto-movado en Kroatio.**

**En la programo oni antaŭvidas:**

**- Ĉefprelegon de Andrej Korobejnikov (17 jara), absolvento de Libera Eŭropa Universitato, Moskva: "Rajto je lingvo",**

**- Prezenton de magiisto Trixini por infanoj kaj plenkreskuloj,**

**- Kunsidon de delegitoj kaj membroj de UEA: gvidas la nova ĉefdelegito por Kroatio Josip Pleadin,**

**- Pianokoncerton de Andrej Korobejnikov k.t.p.**

# BLINDULOJ: POST ADRIATIKO - BALATONO

Ĉi-jara, 68-a Internacia kongreso de blindaj esperantistoj okazis, kiel estis konkludite dum la lasta Kongreso en Kraljevica, de la 20-a ĝis la 27-a de julio en hungara urbeto Balatonlelle. Tiamaniere post bela Adriatiko la partoprenantoj kongresis ĉe Balatono, pli multnombre ol en Kraljevica, sed plejparte en konata strukturo. La kongreson partoprenis 93 partoprenantoj el 17 landoj, eĉ unu partoprenanto estis el Kanado. El Kroatio partoprenis 7 esperantistoj: Gospava Barišić (Đakovo), Janko Popovski (Osijek), Branko kaj Marija Repac (Zagreb), Dragan Štoković kaj Soka Bakša (Pula), Antun Kovač (Velika Gorica) kaj 3 akompanantoj. Kroata delegacio estis unu el pli multnombraj kaj laŭ tio oni povus malĝuste konkludi ke Esperanto-movado inter blinduloj en Kroatio floras, sed bedaŭrinde, tio ne estas vero. Verŝajne, kiel gastigantojn de pasintjara kongreso, nin ankoraŭ tenis ĝuste pasintjare iniciita entuziasmo, kaj tio estas vera kialo de nia "nombra forto".

La temo de ĉi-jara kongreso estis: "La blindeco nuntempe", kaj inter kelkaj referaĵoj estis ankaŭ atentinda nia referaĵo: "La blindeco nuntempe ne estas la plej malfacila handikapo". Kadre de la temo ni povis aŭdi la utilajn informojn pri la apliko de informatiko inter junaj hungaraj blinduloj, kie la instruado pri komputiloj komenciĝas de la 3a klaso en elementa lernejo; ni aŭskultis pri la kaŭzoj de blindeco en Finnlando; oni parolis pri la nota skribosciigado de blindaj lernantoj en Hungario, pri blinduloj en Ukrainio ktp. Precipe impresiga estis la referaĵo de s-ro Atila Varro pri la ĉiutageco de blinda persono, dum kiu li fakte priskribis propran ĉiutagecon.

Hungaraj esperantistoj organizis por la kongresanoj jam tradiciajn programerojn:

- Tuttaga ekskurso al Budapeŝto kun la vizito al la lernejo por blinduloj kie estis organizita, kvankam daŭris someraj ferioj, muzika programo kaj solena vespermanĝo. Ni trarigardis budiman kastelon kaj la preĝejon de St. Matijas.
- Duontaga ekskurso al la vinfarejo en nordo de Balatono. Ni veturis per ŝipo kaj spertis balatonajn ondojn, preskaŭ kiel sur vera maro, kio iomete surprizis min ĉar mi pensis ke homoj ŝercas parolante pri Balatono kiel pri "Panonia maro". Krom per la ondoj kaj kompreneble per granda nombro de turistoj, mi ne estis per io alia speciale impresita ĉe Balatono; eĉ mi entute ne baniĝis ĉar la suda parto de la lago sur kies bordo troviĝis la kongresejo estas tre malprofunda, kaj bezonus traakve paŝi pli ol cent metrojn por atingi naĝeblan profundecon.
- La Internacia vespero estis muzik- kaj kantriĉa al kio inde helpis niaj muzikaj fortoj Janko Popovski kaj Gospava Barišić.

Kaj fine, mi povas diri ke tiu ĉi kongreso pasis en bona labora kaj samtempe amuza etoso kun pli da liberaj kaj malstreĉigemaj programeroj. Tio estas bona direkto por venontaj kongresoj. La sekvonta Kongreso estos organizita en Gotenburgo (Svedio) kadre de la Universala Kongreso. Rilate tre altajn prezojn en tiu skandinava lando, jam dum tiu ĉi Kongreso oni povis aŭdi la demando: por kioma nombro da partoprenantoj, se ne estos financa subteno, la Kongreso en Svedio estos atingebla? Tio ĉi, kompreneble, rilatas ankaŭ kroatajn esperantistojn.

***Antun Kovač***


Imre Kertesz

## NOBELPREMIO AL MEZEŬROPA VERKISTO, HUNGARO IMRE KERTESZ

William Auld jam la trian jaron estis kandidato por la Nobelpremio por literaturo. Ankaŭ ĉi jare la premion ne gajnis Esperantlingva verkisto. (Germana verkisto Gunter Grass devis atendi 19 jarojn. Ĉu la Esperanta verkisto iam sukcesos?)

Esperantistoj devas persisti por kandidatigi verkiston kiu verkas en Esperanto por la plej prestiĝa literatura premio.

Kun ĝojo ni informiĝis ke la ĉi-jara Nobelpremio iris al hungara verkisto Imre Kertesz.

Tio estas la unuan fojon en la riĉa historio de la najbara hungara literaturo ke ĝi estis premiita per la Nobelpremio.

Ĉu la hungaraj esperantistoj preparas Esperantan eldonon de iu verko de la Nobelpremiito?

Intertempe Esperantlingva Verkista Asocio kun siaj kunlaborantoj Esperanta PEN-Centro kaj Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno preparu rekandidatigon de William Auld por 2003.

***S. Štimec***


William Auld




*Esperanta originalo kaj ĝia kroata eldono.*




# LANĈO DE *EŬROPA IDEOLOGIO* EN LA KROATA TRADUKO

Zlatko Tišljar, aŭtoro de ***EŬROPA IDEOLOGIO***, eldonis post la Esperanta kaj slovena lingvoj sian libron pri neceso evolui eŭropan identecon ankaŭ en la kroata. La kroatan tradukon prizorgis la aŭtoro mem.

Pri la slovena versio de la libro sian favoran impreson esprimis Prezidento de Respubliko Slovenio Milan Kučan.

La kroatan version de la libro eldonis *Izvori* en Zagrebo. Dum la lanĉo en Hotelo Internacional la 23an de septembro 2002 pri la libro parolis eldonisto Damir Mikuličić kaj la aŭtoro.

Okaze de la lanĉo la kroata versio la libro estis akirebla kontraŭ 20 kn.

## INTERNACIA FOTOKONKURSO

Post kvar sukcesaj konkursoj (1998, 1999, 2000, 2001) la redakcio de "La Ondo de Esperanto" invitas al partopreno en la kvina Internacia Fotokonkurso.

La konkurso ne estas ligita al deviga temo.

En la konkurso rajtas partopreni ĉiu fotemulo amatora aŭ profesia, sendepende de la loĝlando kaj lingvoko. Unu persono rajtas partopreni per maksimume kvin fotoj. La minimuma formato estas 10x15 cm. Fotoj povas esti koloraj kaj nigra.blankaj, vertikalaj, horizontalaj kaj aliformataj. Fotoj senditaj elektronike ne estas akceptataj.

La konkursaj fotoj devas esti senditaj unuekzemplere al la sekretario de la konkurso, Halina Gorecka (RU-236039 Kaliningrad, ab. ja. 1248, Ruslando). La fotoj devas atingi la sekretarion antaŭ la 15-a de decembro 2002.

La konkursaĵoj devas esti subskribitaj per pseŭdonimo. En aparta koverto kunsendata devas esti slipo kun la pseŭdonimo, aŭtenta nomo kaj poŝta adreso.

## ESPERANTO-GRUPO RETKOVEC INFORMAS

Esperanto-Grupo de Elementa Lernejo el Retkovec gastis la 22an de oktobro en Biblioteko Medveščak - Infana Fako en Zagrebo kie ĝi informis pri Esperanto al la infana publiko. Oni starigis belan afiŝon pri Esperanto kaj en Esperanto-stilo ornamis la bibliotekan montrofenestron. Nuntempe oni esploras la eblecojn ĉu la infanoj emus viziti Esperantan kurson. Kandidato por tie instrui estas Tajana Kovačević.

# RECENZO




## Spomenka Štimec (2002), Tilla, Pisa: Edistudio, paĝoj 180, eŭroj 15

Verkistoj estas tre danĝeraj bestoj. Mi ĵuras de tempo al tempo al mi mem, ke mi neniam plu lasos min esti tentata legi romanon, novelon aŭ similan inventaĵon. La vivo, mi pensas, estas tre pli bona verkisto ol verkistoj, kiuj bezonas 300 paĝojn por informi vin pri du-tri aferetoj, kiujn ili povus diri per unu paĝo.

Kiam mi rompas tiun promeson al mi mem, mi ĝenerale pentas. La lastan fojon okazis antaŭ tri jaroj, kiam mi aĉetis malgrandan libron de Garcia Marquez, kiun mi tamen ĝenerale ŝatas. Ĉi tiu longa enkonduko celis nur klarigi al vi, kial mi tre kontraŭvole komencis trarigardi la unuajn paĝojn de ĉi tiu nova libro de Spomenka Štimec, iom timeme, provante ne vere legi ĝin. Cetere, mi decidis fari tion, ankaŭ por subteni la reaperon en la Esperanto-merkato de Edistudio, kiel eldonejo.

Tiam mi komencis legi alineon, kaj jen mi estis kaptita. Mi daŭrigis, legante ĝin ĉe ruĝaj trafiklampoj, kiuj bedaŭrinde restas tro mallonge ruĝaj, kaj en ĉiu alia ebla momento, ĝis kiam mi atingis la finon.

La fakto estas, ke ne temas pri romano en la klasika senco, sed temas pri biografio de germana aktorino, Tilla Durieux, kiu travivis la tutan pasintan jarcenton. Ŝia unua (el tri) edziniĝoj okazis en la unua jardeko de la pasinta jarcento, kaj ŝia morto okazis en Berlino en 1971-a.

Ŝajne ĉi tiu romano volas rakonti ŝian vivon inter Germanujo (kiun ŝi devis poste forlasi), Svisujo kaj Kroatujo kaj fine ree Germanujo, sed vere ne temas nur pri ŝia vivo, temas pr la historio de Eŭropo, kun aparta atento al Mez-Eŭropo, dum unu tuta jarcento. Ŝi estis parto de ĉiuj intelektaj movadoj de la jarcento, de la pentristaj skoloj antaŭ la unua mondmilito, ĝis la rezistomilito en Kroatujo.

Ni travivis interesan, por uzi eŭfemismon, jarcenton, kaj ĝi estas komplete redonita en ĉi tiu libro, kun amaso da observoj, kiuj donas al vi la guston de la eventoj, la manieron laŭ kiu homoj travivis ilin. Mi donu nur unu ekzemplon. Tilla kaj la edzo akiris hondurasajn pasportojn en Svislando kaj per ili provis elmigri por ne reiri al Germanujo. La sento de homo, kiu prezentas malveran pasporton al doganisto ĉe la landlimo kun Italujo estas tie. la gusto d ela manĝoj en Zagrebo estas tie. Ktp.

Esence temas pri libro, kiun mi nur povas rekomendegi. Se mi evas trovi malpozitivaĵojn (oni ĉiam devas por kontraŭpezi troan entuziasmon), mi eble diru ke la renkontiĝo inter Tilla kaj la patro de Hector Hodler, tute ebla, tamen ŝajnas iom perfortita en la libron.

La lingvouzo de Spomenka estas modela. Mi rimarkis unu-du novajn radikojn (en "ido" oni nomas ilin "neologismoj"), kiujn mi intertempe forgesis, kaj mi restas iom deprimita, ĉar mi ne havas ion por legi ĉe trafik.lumoj.

***Renato Corsetti***

## ANTOLOGIO DE KROATAJ POETINOJ

Grupo el deko da konataj Esperantaj tradukistoj preparas Antologion de kroataj poetinoj.

La plej grandan parton de la antologiaj poemoj tradukis Lucija Borčić. Ni malfermas la paĝojn de la estonta antologio ĉe la paĝoj de Andrijana Škunca kaj ŝia *Septembro.*

**Andrijana Škunca**

### SEPTEMBRO

**super la kanoj**
**la suno bruligas**
**la lastajn somerkaptilojn**

**post si la formiko**
**entiras**
**la foliosusuron**
**kaj sekan senpovon**

**surgrunde obstinas**
**la faldado de l' vento**

**ĝis la maro**
**tretitaj helikoj**
**rompitaj konkoj**
**kun sablourno**
**surdorse**

**la aero**
**tordita**
**en tepitaj grajnetoj de l' spaco**

**diskrevita ĉielokerno**
**forskvamiĝas en lazurmaton**

***El la kroata: Lucija Borčić***

# NOVAJ LIBROJ EL KROATIO EN KAJ PRI ESPERANTO




**Tilla**

**Originala prozo de Spomenka Štimec**
**Eldonisto: Edistudio, Pisa, Italio,**
**Prezo: 15 eŭroj**




**Zlata Nanić**

**Manĝoj el sanigaj plantoj**

**Tradukis: Vladimir Dujnić**
**Propra eldono de la aŭtorino.**
**Prezo: 10 eŭroj**



UDK 80/82 CODEN FLLGD6 ISSN 0449-363X

HRVATSKA AKADEMIJA ZNANOSTI I UMJETNOSTI

FILOLOGIJA

KNJIGA 35

RAZRED ZA FILOLOŠKE ZNANOSTI

ZAGREB 2000

| Filologija | Knj. 35 | Str. 1–174 | Zagreb 2000. |
| --- | --- | --- | --- |



HRVATSKA AKADEMIJA ZNANOSTI I UMJETNOSTI
Razred za filološke znanosti

Dalibor Brozović

O SLAVENSKIM ELEMENTIMA U ESPERANTU

FILOLOGIJA, KNJIGA 35

*Poseban otisak*

Zagreb 2000

**Kroata Akademio de sciencoj kaj artoj publikigis en du apartaj volumoj sciencan artikolon de Dalibor Brozović.**

***O slavenskim elementima u esperantu.***
***(Pri la slavaj elementoj en Esperanto)***

**Esperanto-versio de la teksto ĉe retadreso http://free-zg.hinet.hr/esperanto**

**Mendojn akceptas: Libroservo de Kroata Esperanto-Ligo, Kneza Mislava 11, Tel. 4617 550, fakso 4619 373, esperanto@zg.tel.hr.**